2a Jaro MAJO 1912. Nr 5.

# Internacia Pedagogia Revuo

Oficiala organo de la
**Internacia Asocio de Instruistoj.**
Membra kotizaĵo por 1 jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (Fr. 2,50)
Specimena numero 0,1 Sm. (Fr. 0,25)

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : JAN JACOBS,
— BOOMSCHE STEENWEG, 444, ANTWERPEN. BELGUJO. —

## EDZIĜO

Per tiu ĉi mi havas la honoron kaj la plezuron sciigi al la gesamideanoj mian edziĝon kun fraŭlino Bertha Vanderstegen, esperantistino el mia urbo.

Antverpeno, la 25an de Majo 1912. JAN JACOBS,
Redaktoro-administranto de
Internacia Pedagogia Revuo.

## ALVOKO AL ĈIUJ INSTRUISTOJ de l' Mondo

Fratoj ! Venas la tempo kiam ni devas forte unuiĝi kaj fondi grandan rondon familian. Ĝis nun, ni apartenis al diversaj nacioj, ni havis diversajn lingvojn; ne komprenante unu la alian, ni laboris aparte kaj malamis.

Sed, ĉu ĉiuj instruistoj de l' mondo ne havas la samajn gepatrojn ? Ĉu Jean-Paul, Jean-Jacques, Locke, Comenius, Pestalozzi, Frœbel kaj mil aliaj nur laboris por la infanoj de sia patrujo ? Ĉu ili ne havis en siaj mensoj kaj koroj la ideon de laboro por la plej granda profito de ĉiuj infanoj de l' mondo !

Unuiĝo estas forto. Ĉiuj el ni, geinstruistoj, estas disigitaj ĉu de la lingvoj, de la religioj, de metodoj kaj sistemoj. Ĉu ĉiuj el vi ne komprenas ke ni havas gravajn devojn por plenumi t.e. niaj devoj al la infanoj kiujn ni instruas. Ĉu ni povas esti instruisto kiam ni ne interesiĝas pri la laboroj de niaj kolegoj ?

Jetitaj sur diversajn lokojn de l' terglobo por eduki la infanojn ni antaŭeniras kiel blinduloj.

Nun ! ni alportas al vi la lumturon kiu montros la rektan vojon, ni donacas la fadenon kiu elkondukos vin el la labirinto en kiu vi vin perdis. Ĝeinstruistoj ! ni apartenas al la sama nacio, ni naskiĝis de la sama patrino, ni suĉis la saman mamnutron, ni estas

fratoj. De nun la homoj grupiĝas je ideoj, profesioj. Ĉu ni ne volas fondi armeon por enkatenigi niajn malamikojn, malaperigi la staton de sklaviĝo en kiu vivas ĉiuj el niaj amikoj.

Instruistoj! Ĉu via koro ne batas samtempe kun la koroj de ĉiuj instruistoj de l' mondo. Ĉu vi ne konas la samajn dezirojn, la samajn entuziasmojn, la samajn malkuraĝigojn, ĉu ĉiuj el vi ne pasigas s'an tutan tempon, laborante en la samaj lokoj, verŝante la saman likvoron en ĉiujn cerbojn. Ĉu ĉiuj el vi ne deziras trovi sistemon por simpligi la taskon de viaj kolegoj kaj trovinte ĝin, ĉu vi ne deziras ĝin donaci al la instruistoj de l' tuta mondo.

Nu! Ĉu vi ne komprenas ke via laboro estas la plej pura, la plej valora, la plej nobla el ĉiuj laboroj. Ĉu vi ne scias ke la infanoj al vi pruntitaj estas la morgaŭaj viroj kaj ke de vi dependas la riĉecon kaj la feliĉecon de la posta generacio.

Do! Kion vi atendas por fari vian devon por unuiĝi? Vi ne estas malpli inteligentaj ol la laboristoj, via laboro estas la plej sankta kaj la mondo atendas de vi ekzemplon.

Vekiĝu, instruistoj, vi dormas! En la plenumo de viaj devoj, vi forgesas tiujn, kiuj laboras kun vi. Vi, kiuj estas la malplej egoismaj, donas frapantan ekzemplon de egoismo.

Kion ni petas de vi? Unu spesmilon ĉiujare por daŭrigi la laboron; 2 1/2 frankojn ĉiujare por unuigi la geinstruistojn de l' mondo kaj enkonduki esperanton en ĉiujn lernejojn, duono da centimo, ĉiutage por malaperigi la lingvajn barojn kiuj batalas kontraŭ niaj instruoj.

Kiu pli klare ol vi komprenas ke instruado estas la plej potenca ilo de la civilizado — Kiu pli klare ol vi povas kompreni ke per esperanto nova vivo komencas por ĉiu homo. Homameco! Internacieco! Tiuj ne estas vanaj vortoj ĵetitaj en la dezerton. Vi, kiuj estas la plej noblaj laboristoj, sendu vian nomon kaj aliĝu al la

Internacia Asocio de Instruistoj!

Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen Belgujo.

FERN. MARÉCHAL.

# Procedo "La Martinière"

En la norda regiono de Francujo, kaj eble aliloke, multaj geinstruistoj uzas demandamanieron nomatan Procedo « La Martinière (La Martinier).

Ĉia demando postulas nur mallongan unu-aŭ duvortan respondon.

Ekzemple, la instruisto demandas: « Ĉirkaŭ kiu jaro estas elpensita la presarto? » (*)

(*) Aliaj demandoj estos: « Kiu elpensis? » — « Kie... ? »

Ĉiu lernanto havas tabuleton aŭ ardezon, kretpecon aŭ grifelon. Ili sekrete kaj skribe respondas per dikaj ciferoj.

Je iu signalo de l'instruisto ĉiu lernanto levas sian tabuleton kaj montras (ĉiuj samtempe) sian respondon al la instruisto, kiu per unu rigardo vidas la pravajn kaj la malpravajn respondojn.

Li ankaŭ povas demandi : « Kiu sukcesis ? » aŭ : « Kiu ne sukcesis ? »

La lernantoj alparolataj levas la manon. La nesukcesintoj estas riproĉataj aŭ denove instruataj per klarigoj pluaj.

La ĉefaj utiloj de tiu ĉi procedo estas la jenaj :

1. — Kontroli ĉu la lernantaro aŭskultis, komprenis, lernis, memoras la lecionon.

2. — Devigi la lernantojn atenti.

3. — Ebligi, ke ĉ i u j lernantoj estu demandataj eĉ ĉe multnombra klaso.

4. — Kontentigi de l' infano la emon al moviĝo kaj malhelpi la distritecon.

5. — Kontroli ĉu la leciono ne estis tro malfacila.

La procedon La Martinière oni povas uzi precipe pri la kalkulo (respondo de problemo ne skribita) ; pri ortografio, vortarstudado, historio, geografio, unuvorte ĉiufoje, kiam la demando povas esti ĝenerala kaj la respondo mallonga.

Bonvolu, kolegoj el diversaj landoj, skribi pri sama temo artikoleton.

F. DURIEUX.

# FAKTOJ KAJ CIFEROJ EL SKOTLANDO

Ĉiujare la edukadestroj eldonas libron enhavantan tre interesajn faktojn pri la skota edukado. Jen kelke da ili :

| | 1908/9 | 1909/10 | 1910/11 |
|---|---|---|---|
| Gelernantoj sur registro je la fino de la lerneja jaro | 812.346 | 826.223 | 843.242 |
| Mezĉeesto de gelernantoj | 712.076 | 727.244 | 742.217 |
| Sur registro de altgradaj lernejoj | 21.839 | 23.893 | 26.043 |
| Mezĉeesto je altgradaj lernejoj | 19.932 | 22.118 | 24.095 |

En la jaro 1911 la nombro de la elementaj lernejoj estis 3.156, kun loko por 1.027.185 gelernantoj. La nombro de la altgradaj lernejoj dum la sama jaro estis 191, kun loko por 39.487 gelernantoj. En Skotlando estas tro multe da elementaj lernejoj kiuj enhavas pli ol 1.000 gelernantoj. Tiaj lernejoj certe estas multe tro grandaj por funkcii laŭ la plej bona maniero.

Ŝparbankoj estas fonditaj en 326 lernejoj, kaj la nombro de infanoj kiuj interesis sin pri la bankoj estas 47.544, kun enmetita

moño, entute, 175.730 Sm. Tio-ĉi, certe, estas tre praktika parto de la laboro de la lernejoj.

En 2922 lernejoj sin trovas bibliotekoj, kun 798.526 libroj. Tamen nuntempe, almenaŭ en la urboj kaj grandaj vilaĝoj, estas ĉiam unu aŭ pli da publikaj bibliotekoj, je kiuj la infanoj povas partopreni kaj prunti, senpage. Pro tio la lernejaj bibliotekoj ne estas tiel necesaj nuntempe kiel antaŭe.

En la lernejoj laboras 19.061 geinstruistoj atestitaj oficiale, tio estas, preskaŭ po unu instruisto por 46 gelernantoj. Sed oni ne devas forgesi ke ankoraŭ multe da klasoj enhavas pli ol 60 gelernantoj por unu instruisto aŭ instruistino. Nuntempe, tamen, oni penadas malaltigi la nombron, maksimume, ĝis 50, kaj post nelonga tempo, mi pensas ke oni sukcesos tion fari, kiu, nedube, plibonigos la edukadon.

Jen ankaŭ interesa sciigo pri la mezsalajro de kvar gradoj de geinstruistoj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Estroj | mezsalajro | — | 1877 Sm. |
| Estrinoj | » | — | 950 Sm. |
| Ordinaraj Instruistoj | » | — | 1345 Sm. |
| Ordinaraj Instruistinoj | » | — | 809 Sm. |

Oni devas ankaŭ memori ke el 5108 instruistoj en Skotlando, 2942 ricevas malpli ol 1500 Sm. ĉiujare, kaj ke el 12,916 instruistinoj, 10.617 ricevas malpli ol 1000 Sm. ĉiujare, kaj plie. nur 100 instruistinoj ricevas pli ol 1500 Sm. ĉiujare. En katolikaj lernejoj la salajroj estas treege malaltaj.

Kaj nun, oni devas konkludi ke la instruistaro, almenaŭ la viroj, estas pagata tre avare, kiam oni konsideras kiom da jaroj ili pasigis en la gimnazio kaj universitato.

David Kennedy.

# VIII. Universala Kongreso Esperantista

KRAKOVO, 11-18 AŬGUSTO 1912.

## KVARA CIRKULERO.

LOKA PUBLIKO. — La krakova loĝantaro tre forte interesiĝas pri la kongreso kaj preparas sin por inde akcepti la fremdajn gastojn. Tion provas interalie 17 kursoj, kiuj nun okazas en la kongresurbo. Inter ili speciale citinda estas kurso, organizita de la Krakova Komerca Ĉambro por ĝia tuta oficistaro kaj kurso por policanoj, en kiu partoprenas regule 15 personoj.

ĴURNALOJ. — La loka ĵurnalistaro tre favore rilatas al la Kongreso, aperigante regule du fojojn ĉiusemajne notojn kaj

komunikaĵojn pri la Oka. Krom tio ĉiuj redakcioj delegis po unu el siaj membroj, kiuj lernas nian lingvon por ĉeesti la kongresajn kunsidojn kaj redaktadi raportojn.

HONORA KONGRESKARTO. — Por la karto nr. 1, kiu (vidu la duan cirkuleron) estos aŭkcie vendota, oni oferas jam 12 Sm. Tiun lastan proponon faris unu konata angla samideano. Kiu oferos pli multe?

ALBUMO DE KONGRESANOJ. — Detalojn pri tiu projekto trovos la legantoj sur speciala cirkulero. Ni atentigas, ke ĉiu kongresano n e p r e d e v a s s e n d i sian fotografaĵon.

EKSPOZICIO. — Ni ree faras varman alvokon al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj izolaj esperantistoj, ke ili helpu la ekspozician sekcion per alsendo de libroj, broŝuroj, muzikaĵoj, cirkuleroj, afiŝoj kaj ĉiuspecaj aliaj dokumentoj. Ĉiuj objektoj estos zorge konservataj kaj tuj resendataj post la 30 aŭgusto. Adreso de la ekspozicia sekcio estas: Sro. Benedikto Herold, Lwow, Potockiego 22, Aŭstrio-Galicio.

PROTESTANTA DISERVO. — Diservo por protestantoj okazos en la protestanta preĝejo. La predikon en Esperanto faros pastro Karol Michejda, estro de la Krakova protestanta komunumo.

JUBILEA FESTVESPERO. — La vesperon organizas Sroj. Drozdowski, Barabasz, Kalinowski kaj Walewski, profesoroj de Krakova Muzika Konservatorio. Ĉi tiu fakto certigas al la vespero altan, vere artistan nivelon.

EKSPOZICIO DE POLA ARTO. — La ĉi tiea « Societo por belaj artoj » instigita de la Organiza Komitato, preparas por la kongresa semajno, en sia palaco, specialan ekspozicion de pola pentra kaj skulptarto. La surskriboj kaj katalogoj estos redaktitaj en Esperanto.

ALIĜOJ. — Al ĉi tiu numero estas aldonitaj aliĝiloj, enhavantaj utilajn informojn pri loĝado, manĝado, kongresaj eldonaĵoj ktp.

La ĝisnunaj, provizoraj aliĝintoj estas insiste petataj sendi ĝis la la de majo la kongresan kotizon, ĉar alimaniere ili perdos la rezervitan al ili numeron de la kongreskarto.

---

## OFICIALA RAPORTO DE CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.

—

Praha, 8/3/1912.

BOHEMUJO. — La bohema nacio sin preparas nunjare por

grandega festo: la 28-30 de junio estos aranĝata la VI. Sokola kongreso. Tiu ĉi festo, kiu ripetiĝas ĉiun kvinan jaron, estos tiun ĉi fojon speciale grandioza, ĉar la Sokola Unio festos samtempe la 50 jaran jubileon de sia ekzisto kaj koncentrigos en pli granda nombro ol iam ajn antaŭe la slavan gimnastaron. En speciale konstruita amfiteatro, kie trovos lokon 100.000 rigardantoj, ekzercos 12.000 viraj kaj 5000 virinaj gimnastoj bohemaj. Ne estas mirinde, ke jam nun anoncis sian alvenon dekmiloj da gastoj el la fremdlando kaj eĉ el Ameriko, de kie mem alvenos mil gimnastoj bohemaj. La Centra Asocio Bohema Unio Esperantista ne forgesis uzi tiun ĉi okazon por proponi siajn servojn al la propaganda sekcio de la prepara kongresa komitato, kiu, favore akceptinte tiun ĉi proponon, decidis eldoni flugfolion pri la manifestacio, redaktitan en Esperanto, kiu estas dissendita al ĉiuj legantoj de Esperanto U.E.A. Samtempe kun la sokola flugfolio eldonis B.U.E. Gvidfolion tra Praha, kiu per sia aranĝo sur 4 paĝoj fariĝos sendube modelo por pluaj similaj publikaĵoj; ĝi estos bona aldono al la detala gvidlibro tra Praha, kiu aperis antaŭ tri jaroj kaj kiu estis premiita de U.E.A. per la unua premio. La urbestraro de Praha kaj de la antaŭurbo Karlin subtenas la movadon esperantan refoje per donaco de sumoj po 50 k., senditaj al la kancelario de B.U.E. Regule aperadas rubrikoj esperantaj en la gazetoj « Nàrodni Obzor », « Osveta Lidu » kaj « Rodina ». Adresojn de fremdlandaj korespondantoj senpage publikigas en sia revuo « Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu » la redakcio (adr. Praha II. Dittrichova ul. 7). Je komenco de tiu ĉi jaro aperis nova eldono de bohemaj ŝlosiloj, da kiuj estis jam disvendite preskaŭ okdek miloj. En presado estas nova (IIIa) eldono de la Metoda lernolibro de Kühnl kaj vortareto bohema-esperanta. B. U. E. — Ĉ. Ĉ. E.

## NEKROLOGIO

La terura katastrofo de la « Titanic » forprenis el niaj rangoj unu el la plej eminentaj pacifistoj kaj esperantistoj, Sro William Stead.

Al lia familio, al Review of Reviews, al Fraŭlino Lawrence, lia kaj ankaŭ nia fervora kunlaborantino, ni sendas niajn sincerajn kondolencojn.

## GRATULO

Al nia fervora membro, Sro Dro Alfredo Stromboli, ni sendas niajn plej korajn bondezirojn, okaze de lia edziĝo kun fraŭlino Maria Vandenkerckhove.

# MEMBROJ KIUJ ALIĜIS ANTAŬ LA 25an DE MAJO 1912.

65. Sro Rouveret, Bagard par Anduze, (Gard-Francujo) 1.—
66. Sro A. Koziara, Hoza, 36, Varsovio (Polujo-Rusujo) 2.—
67. Sro A. Punjko, St. Slavianskaja, Kubansk Oblast (Kaŭkazo-Rusujo) 1.—
68. Fino A. Ŝarapov, Deviĉje pole, Trubeckoj pereulok, d. 10, l. 18a, Moskvo (Rusujo) 1.—
69. Sro Nikolajeviĉ Sameckij, Vasilij, Voroneĵ (Samarkand-Rusujo) 1,600
70. Sro N. Kabanov, Neopalimovski, 12, Moskvo, (Rusujo) 1,800
71. Sro pastro Innokentij Seriŝev, Krasnij Jar, Ŝergolĝin Zabajkala Oblast, (Siberio-Rusujo) 1.—
72. Sro P. R. Bezrukch, Krasnij Jar, Bajhor, Zabajkala Oblast, (Siberio-Rusujo) 1.—
73. Sro P. M. Burdukovskij, Krasnij Jar, Bajhor, Zabajkala Oblast (Siberio-Rusujo) 1.—
74. Sro R. Wohlstadt, Feldstr., 17 II. Kiel (Germanujo) 1.—

ŜANĜO DE ADRESO

Sro Dro Alfredo Stromboli, Via Gropallo, 3, int. 4, scala 2a, Genova, Italujo (antaŭe : Via Assarotti, 54, sama urbo).

# BIBLIOGRAFIO.

ADRESARO de la grupoj aliĝitaj je « Germana Laborista Esperantisto Asocio » (G. L. E. A.) Oficejo : Hamburg, 5, Beim Strohhause, 31e III.

KATALOGO de moskva librejo « Esperanto », 26, Tverskaja, Moskvo, Ruslando.

HUNGARAJ RAKONTOJ de Ferenc Herczeg, tradukis A. Panajott (nr 21 de Esperanta Biblioteko Internacia) (Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin, Germanujo). Prezo : 0,100 Sm. Plej leginda kaj rekomendinda verketo ! La tradukinto certe trafis sian celon : konigi al la esperantistaro spiritajn trezorojn hungarajn. La stilo estas facile komprenebla kaj tamen flua.

ESTAS MALFERMITA POR LA JARO 1912 ABONO AL LA GAZETO « **LA ONDO DE ESPERANTO** », (laŭ la adreso : Moskvo, Rusujo, Tverskaja, 26).

Dum la IV-a jaro de sia regula funkciado « La Ondo » senpage donos al siaj abonantoj, krom 12 n-roj (16-20 paĝaj) la speciala por tiu celo tradukitan de s-ino M. Ŝidlovskaja ĉefverkon de rusa literaturo : « **Princo Serebrjanij** » **de Tolstoj**. (352-paĝa, grandformata librego, kies prezo por la neabonantoj estos afrankite Sm. 1.600).

Literat. konkursoj kun monpremioj. Portretoj de konataj Esperantistoj. Beletristiko origin. k. traduk. Plena kroniko. Bibliografio. Amuza fako. Korespondo tutmonda (poŝtk. ilustr.)

La abonpagon (2 rubl. : 2,120 Sm.) oni sendu al « Librejo Esperanto » (26, Tverskaja, Moskvo, Rusujo) aŭ al aliaj Esper. librejoj, poŝtmandate, respondkupone, papermone aŭ per bankĉekoj.

---

INTERSANĜE RICEVITAJ

Belga Esperantisto (esperante, flandre, france) ; Juna Esperantisto (esperante) Lingvo Internacia (esperante) ; La Langue Internationale (esperante, france) ; Normanda Stelo (esperante, france) ; Le Travailleur Espérantiste (esperante, france) ; Le Monde Espérantiste (esperante, france) ; La Vero (esperante, france) ; La Hollanda Pioniro (esperante, holande) ; Mitteilungen (esperante, germane) ; Antaŭen (esperante, germane) ; Germana Esperantisto (esperante, germane) ; La Esperantisto (esperante, germane) ; Poŝta Esperantisto (esperante, germane, france, angle) ; Internacia Stenografia Gazeto Gabelsberger kun Stenografia Aldono (esperante) ; La Ondo de Esperanto (esperante, ruse) ; Finna Esperantisto (esperante, finne, svede); Norvega Esperantisto (esperante, norvege) ; Bohema Revuo Esperantista (esperante, boheme) ; La Kulturo (esperante, boheme) ; Pola Esperantisto (esperante, pole) ; La Verda Standardo (esperante, hungare) ; Hungarlando Informilo (esperante, hungare) ; Kataluna Esperantisto (esperante, katalune) ; Itala Esperantisto (esperante, itale) ; Danubo (esperante) ; Serba Esperantisto (esperante, serbe) Greklingva Esperantisto (esperante, novgreke) ; Cuba Esperantisto (esperante, hispane). La Monvado (esperante-france) ; La Deksepa (esperante-france) ; Oficiala Bulteno de T. E. K. A. (esperante-france) ; Nederlanda Katoliko (esperante-nederlande) ; Espero Katolika (esperante) ; La Informanto (esperante) ; La Kroniko (esperante) ; Germana Esperanto-Gazeto (esperanto).

---

Presejo Esperantista J. Heylen-Andries, Antwerpen.